# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 24/01/2015 Ducent unua eldono 24/01/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo



## Estontaj kompetentaj Esperantistoj

**aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon**

**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

## 55. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

### LA PARTICIPOJ.



Kontraŭe al multaj etnaj lingvoj, speciale la eŭropaj, la participoj estas en Esperanto ne verboj sed adjektivoj. Por esprimi kombinitajn tempojn Esperanto simple kaj kontentige uzas la subjunkciojn "antaŭ ol" kaj "post ol", ekz "Antaŭ ol iri al la teatro, ni manĝis en restoracio", kaj "Ni iros al la teatro post ol manĝi en restoracio".

Kiel adjektivoj kun verba radiko kaj participa sufikso la participoj tamen posedas la specialan karakteron, ke ili povas ĉehavi kiel komplementojn la objekton kaj la adjektojn

apartenantajn al la verba parto, la radiko, de la participa adjektivo, ekz. “Li estas manĝinta sian kukon hieraŭ vespere en la lito”, kaj “En la lago naĝantaj kaj insektojn manĝantaj akvobirdoj”; kaj “La jam antaŭ jaro de mi en Romo aĉetita libro”.

Ankaŭ se la adjektivaj participoj uzatas en aliaj kategorioj, ili same kapablas ĉehavi siajn frazpartojn, ekz. kiel adverbo en “Ricevinte la libron antaŭ jaro, …..”, kaj “Baldaŭ freŝe fritote, la fiŝoj restos en la malvarmkesto”. Kiel substantivo, sed malofta, en “La morgaŭ la fiŝojn manĝantoj”, kaj kiel verbo, tre malofta, “Mi lernintas tiun lingvon el antaŭ dudek jaroj”. Nur ĉe la pasivaj verboj kun la sufikso “-ati” kaj ĉe la medialaj verboj kun la sufikso “-iĝi” la komplementoj regule uzatas, ekz. “La arboj forhakatis dum tri horoj kaj iliaj folioj jam velkiĝis en la arda suno”. Marcel Leereveld.

Kvankam oni rajtas uzi “post ol” la plej kutima maniero estas uzi “post kiam”. Nicole

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**



## La Esperanto-Doma Gastdormeja Novaĵo.

Jesa (Hyon-suk) KAJ koreinoj restas ekde la 14-a ĝis la 23-a de januaro.
Poste la koreinoj vizitas Brisbanon.

Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al LA SEKRETARIO per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

★★★

Ĉu iu leganto povus viziti, ĉiĉeroni, helpi la gastojn? Sendu retmesaĝon al rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au por plusendo al la gastoj.

★★★

Mi povas helpi la venontajn gastojn. Ĉar mi ne havas aŭtomobilon, mi povas proponi vojaĝi per publika transporto - trajno, aŭtobuso, trans-havenaj ŝipetoj.
Margaret Chaldecott

## Bondeziroj de niaj legantoj

Estimata,
Koran dankon pro viaj kristnaskaj salutoj. Mi deziras al vi bonan kaj feliĉan novan jaron 2015!
Korajn salutojn,
Bernhard Tuider

Hodiaŭ matene Merlo salutis min kiam mi venis al la bakejo. Hazarde mi ĵus havis mian fotografilon en la poŝo kaj faris tiujn bildojn.
Ankaŭ mi fotografis nian hejman horloĝon. Mi ankaŭ faris videon, sed ĝi enhavas 43 MB. Mi provas, redukti tion. Sed unue mi devos lerni tion.
Mi kore salutas vin,

Hermann

Hermann Kroppenberg

merlo





horloĝo



# Literatura konkurso Liro-2014

14 Januaro 2015 de AlKo

La juĝkomisiono de la tradicia literatura konkurso ***Liro-2014*** (Grigorij Arosev, Edmund Grimley Evans, Wolfgang Kirschstein, Aleksander Korĵenkov, Valentin Melnikov, Russ Williams), organizita de *La Ondo de Esperanto*, ricevis 11 konkursaĵojn de 11 aŭtoroj el 4 landoj — Aŭstralio, Germanio, Kazaĥstano, Ruslando. (En Liro-2013 partoprenis 6 konkursaĵoj de 6 aŭtoroj el 4 landoj.)

La 14an de januaro 2015 la juĝkomisiono anoncis la rezulton de *Liro-2014*.

## Traduko el la angla: *The roads we take* de O. Henry

Laŭreato: **Reinhard Fössmeier** (Germanio)
Laŭda mencio: **Nicole Else** (Aŭstralio)

*http://sezonoj.ru/2015/01/liro-2014/*

# Kep Enderby

Kara Dorothy kaj aliaj familianoj !

Estis kun eĉ tre peza koro ke mi legis pri la forpaso de mia longtempa amiko kaj Esperantisto. Kredu min, mi tre bone komprenas tion, kion vi nun trapasas.

Sed feliĉe estas ankoraŭ espero, ke ni refoje renkontiĝos, ĉu ne?

Plej amike, Bob Felby

Esperantistoj skribis en la gastlibro de Sydney Morning Herald. Visit the Guest Book



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

17 Januaro venis Eunice, John, Chris, Roger, Ian, Jesa (Li Hyon-suk) kaj (Liom Chi Kyung) Ian, Jesa, Chi Kyung poste piediris al la domo de Roger por manĝi lunĉon kun Mei kaj Roger.

# RESPONDETO AL NICOLE PRI "VOLI"



(vidu mian gramatikaĵon n.ro 52 AE198).

La verbo "voli" estas en la aglutinaj lingvoj "moda helpverbo", kaj sekve ne povas havi objekton, pro sia netransitiveco, en tiuj lingvoj. Kelkfoje, sed ne ofte, oni forfaligas la infinitivon "havi"

kaj subkomprenas ĝin. Tiam la helpverbo aspektas kelkfoje kiel normala verbo (vidu PAG $ 116d).

'Ĉar "voli" estas netransitiva verbo, ĝi ne uzatas en la pasiva kaj mediala voĉoj; oni neniam vidas esprimojn kiaj "Ludo estas volata nun de la infanoj" nek "Tiaj esprimoj ne voliĝas en bona kompanio" nek "Viaj lavotaĵoj volatas en la mateno" nek Wasser wird oft von den Kranken gewollt, kaj eĉ hezite Vous 'etes voulu imm'ediatement chez le directeur).

Eĉ la neaglutinaj lingvoj eŭropaj ĝenerale ne uzas la pasivan voĉon de "voli", ĉar la parolantoj sentas intuive ke "voli" estas helpverbo. Sed tiuj neaglutinaj lingvoj tamen prenis la liberecon uzi sian "voli" en la aktiva voĉo kiel nehelpverbon, kun objekto,

En Esperanto la francoj prenis la saman liberecon, kaj la ĝermanaj Esperantologoj kutime ne kuraĝis malakcepti francajn gramatikajn ideojn. Do en ĉi tiu kazo oni trovas en Esperanto uzon de la helpverbo kiel transitiva verbo, sed nur en la aktiva voĉo, kaj evitinde.

Ĉar oni tute ne bezonas havi "voli" kiel transitivan verbon, ja "deziri" haveblas, kaj ĉar ekzistus du radikoj kun la sama signifo, nome "voli" kaj "deziri" tre kontraŭ la spirito de Esperanto, mi en ĉi tiu kazo juĝas "voli" esti netransitiva helpverbo, tiel malobeante la francajn Esperantologojn, kiuj (escepte de la flandrorigina Waringhien) cetere ne bone komprenas la aglutinecon (ekz. kreante "far" kaj "peri"). Mi faras tion ankaŭ por ne krei esceptojn en Esperanto, kio ja estas krimo kontraŭ la genieco de nia lingvo.

Mi konsilas al Nicole obei la regulojn de Esperanto anstataŭ la regulojn de PIV kaj aliaj, kiujn en miaj fundaj recenzoj mi pruvis esti plurfoje mallogikaj kaj malĝustaj.

Marcel.

# Esperanto-Domo Sidnejo




21 januaro: Margaret, Ian, Greg kaj Roger laboris, Jesa, Chi Kyung ĉeestis.

La venonta aferkunveno okazos 01 Februaro (ne je la lasta Dimanĉo de Januaro) Komenciĝos je la 11a.t.m.

Post lunĉo je 1 p.t.m. okazos 3 paroladetoj.

2 p.t.m. Unua paroladeto. Nicole Else "La kongreso en Melburno (fotoj-filmetoj)."

2.15 p.t.m. Dua paroladeto. Rainer Kurtz „Esperanto-filmfestivaloj en Ĉinio, Francio kaj Germanio".

2.30 p.m. Tria paroladeto. Maruŝka Struminska "medicinaj plantoj."

Bonvenu!

# Deklaracio pri homaranismo



Hieraŭ venis al mi Komunikoj (Brazilaj) #156 en kiu estas bona artikolo pri tio kion mi uzis en Melburno!. Sur paĝoj 1 & 6 estas artikoloj kiuj rilatas al mia temo, kaj sur p.6 estas metodo legi per http://bretaro.net/verkoj/60-deklaracio-

pri-homaranismo. Alia ligo iras al Vikipedio: http://eo.wikipedia.org/wiki/Deklaracio_pri_Homaranismo.

La unua menciita supre estas la Deklaracio pri homaranismo (1913) L.L.Zamenhof (Privata propono nedeviga por la homaranismo_ (en du-kaj-duon-paĝoj) Oni povas uzi la Vikipedion por serĉado.

En la ĉefa retmetsaĝo de #156 estas menciita raporto pri Spiritisma Vojaĝo al Germanio kaj Dubajo. W.G.da Paixao, el ŝtato Minas Gerais, parolis kvar foje en Dubajo, kaj al grupoj en aliaj urblokoj en Germanio. Mi ne scias ĉu la paroladoj en ambaŭ landoj estis pri Esperanto aŭ pri Spiritismo.

Margaret Chaldecott

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 05/02, 26/02, 19/03, 09/04, 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

## **Gastdormejo** de EFNSK

La ĉefa rolo de la Gastdormejo estas helpi la anojn de EFNSK ĉeesti EFNSKajn kunvenojn. per eventuala dumnokta dormloko ĉe ED post aŭ antaŭ la kunvenoj.
La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn. Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
La Sekretario de la EFNSK prizorgas la gastdormejajn mendojn. Petu ŝin pri ebleco gastiĝi. Kiam vi kontaktas Esperanto-domon pri la gastdormejo uzu la 3 retadresojn sube.
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; nsw@esperanto.org.au;

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj **Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 | Vidu AE195 | Vidu AE196 | Vidu AE197 | Vidu AE198 | Vidu AE199 | Vidu AE200 | Vidu AE201 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | xxxx | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | xxxx | AE198 | AE199 | AE200 | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | xxxx | AE185 | AE186 | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | xxxx | xxxx | xxxx | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | xxxx | AE188 | xxxx | AE190 | xxxx | AE192 | xxxx | AE194 | xxxx | xxxx | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 |
| Melburna Esperanto-Asocio | xxxx | xxxx | AE186 | xxxx | AE188 | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | AE194 | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Melburna "Meetup" Grupo | xxxx | AE185 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Tasmania Esperanta Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Toowoomba Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio